

# Boletín

*Nº 360 majo/junio 2003*




Ne al glavo sangon soifanta

*Asociación de utilidad pública*

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**



Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz;
Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600
Muriedas; Cantabria;
liven@wanadoo.es


*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*


**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-2552-61-0204011.961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**




## Enhavo



**62a Hispana Kongreso**
**15a - 20a de julio**

EXPO LINGUA





# Expolingua 2003

Kiel ĉiujare, la redaktoro de Boletín petis de mi, ĉar kunordiganto, raporton pri Expolingua fine de la foiro. Mi trovis bona la ideon, ke la deĵorantoj mem komentu siajn proprajn opiniojn kaj personajn spertojn pri la okazintaĵo, ĉar ĉiu el ni deĵoris en malsamaj momentoj, kaj verŝajne la alvenintaj homoj, kaj ties interesoj, varias depende de la tagoj.

Nu, mi petis de la ĉebudaj volontuloj skizan vortigon de iliaj impresoj por havi bazan, konkretan apogon por verki la raporton. Tamen niaj —malgraŭ ĉiaj malfacilaĵoj— nelacigeblaj kaj entuziasmaj kunlaborantoj tiom trafe enfrazigis siajn pensojn, ke prefere vi legu rekte el ilia plumo.

Ankaŭ la artikolon kiun Darío Rodríguez, vizitinte la foiron, aperigis en la diskutlisto "Esperanto-en-Hispanio".

Jen do la parolvico de la deĵorantoj.

*Ana Manero*

"Denove Hispana Esperanto-Federacio profitis tiun eventon por propagandi Esperanton. Ĝi havis malgrandan standon, la numeron 118, tamen oni sukcesis elmontri en tiel eta spaco plurajn gravajn librojn kaj revuojn. Oni disdonis abundan propagandan materialon al la multnombraj vizitantoj. Precipe vekis grandan intereson la broŝureto pri Esperanto en Interreto, enhavanta plurajn interesajn retligilojn. Inter la afiŝoj montritaj troviĝis foto de la fama retserĉilo "Google" en sia esperanta versio.

Krome, nia samideano José María Salguero veturis speciale al Madrido por prelegi hispanlingve en la kadro de Expolingua pri la temo "Qué es el Esperanto". Li trafe prezentis la ĉefajn trajtojn de nia lingvo per projekciado sur ekrano de pluraj gramatikaj ekzemploj. La alloga simpleco de nia lingvo vekis grandan intereson inter la ĉeestantoj."

*Darío Rodríguez*

“Speciale kaptis mian atenton tiu perfekta indiferenco per kiu multaj vizitantoj preterpasis nin, post rapida kaj ”poker-miena" rigardo al la afiŝo “ESPERANTO” mallonge sed dece pendanta sur niaj verdaj kapoj. Ne temis ĉifoje pri nekreduloj erare pensantaj ke lingvaj artefaritaĵoj tute ne taŭgas por homa komunikado. Ili ankaŭ ne estis klaseblaj laŭ la kategorio “iam-mi-aŭdis-ion-pri-Esperanto--sed-bedaŭrinde-ĝi-malsukcesis”. Ne. Ni staris antaŭ alispeca fenomeno. Scivolo fine venkis mian disciplinon de deĵoranto, kaj mi kuraĝis alproksimiĝi al tiuj senesprimemuloj por ilin alparoli per demando konvene starigita de profesieca distanco: “ĉu vi emas ricevi informon pri Esperanto?” La vero, la mistera ekspliko, finfine batis min kiel vangofrapo en la formo de jena respondo: “kio estas Esperanto...? Mi neniam aŭdis pri tio!” Nu, tiuj eksterteruloj, neniam aŭdinte pri la sola solvo kontraŭ la Babela malbeno, estis ne nur hieraŭaj suĉinfanoj, sed ankaŭ homoj kombantaj blankharojn!

Ĉu do pli da investo pri reklamado?"

*Juan del Castillo*









Ĉio disvolviĝis pli-mapli kiel en pasintaj jaroj. Konstateblas, ke publiko ne tiom multe venas en la foiron, sed la sinteno kaj aliro ĉe nia budo restas konstanta kaj pozitiva. Konkludo, laŭ mi: ni devas serĉi novajn horizontojn."

*Miguel Ángel Sancho*



Plian jaron, manpleno da tagoj por rekte kontakti centojn da homoj. Tio devus efiki al ni pli ol magia supo al Asterikso. Ja tiel estas ĉiujare, sed eble 2003e alvenis la tempo ŝanĝi ion...

Ĉiujare, malmultaj homoj reagas negative kaj montras subkonsciajn antaŭjuĝojn. “Ja, mi estas lingvisto”, respondas virineto demandite. Ja, ŝi konas Esperanton — supozeble nur la nomon, tamene.








Ŝi akre montras plej mucidajn antaŭjuĝojn. Per trankvila rideto kaj afabla sinteno eblas post senfrukta debatado venigi ŝin en konsentan punkton: "Dezirinde, ke ĉiu lernu plej multajn lingvojn, ĉu ne?" Ŝi ne povas nei. Tamen ŝi eskapas post lastrimeda elturniĝo: "Tamen tio nenecesigus mian laboron!" Ankoraŭa rideto trankvila: "Neee, tute ne..." Sed ŝi jam forkuras.

Male, granda grupo de bruemaj 10-jaruloj, pene bredataj de siaj instruistoj, ne scipovas antaŭjuĝi. "Ĉu vi scias, kio estas Esperanto?" "Neeeeee!!". Instruistino aldonas: "Kulpas ni, la instruistoj. Diru al ili, kio Esperanto estas". Jen ili svarmas malfermbuŝaj. Ne gravas ĉu neŭtrala, ne gravas ĉu facila, ne gravas ĉu internacia; gravas, ke lingvo por iojn amuzajn elparoli. Do, ĉiuj subite havas demandojn interesajn: "Kiel oni diras Vi estas bela?" "Kiel oni diras Vi estas teda?" "Kiel oni diras Vi estas malbela?" Instruite ili pafas siajn eltrovaĵojn unu al la alia: "Vi estas bela", "Vi estas teda, vi estas teda!" "Vi estas malbela!".

Du-tri vizitantoj fermitaj al ĉia rezonado; dekoj sincere interesitaj kaj eĉ agrable surprizitaj pri nia ĉeesto kaj la lingvo. Ĝenerale, kiel ĉiam bonega etoso.

Sed... nek por unuj nek por aliaj ni havas rimedojn. Ja kontraŭuloj post renkonto formarŝas kutime same senkone, kaj ni postrestas kun stranga sento. Ja al simpatiantoj ni plu havas malmulton praktikan oferteblan... eĉ ne facilan manieron mendi librojn!

Mi sentis, ke endas pluigi nian ĉeeston senpaŭze, ke 2004e ni devos esti tie refoje.

Une, ĉar Expolingua iĝis miaopinie la plej grava alekstera agado de HEF dum la lastaj jaroj, eĉ kun efiko pli profunda ol la naciaj kongresoj (ja dum tiuj ne eblas rekte aliri ĉ. 300 homoj kaj montri al ili nature, senĝene kaj moderne, kio Esperanto estas).





Due, ĉar la efiko pliiĝas ĉiujare. Tio estas, senĉesa ĉeesto estas plia aldono al la efiko. La semado devas esti regula kaj senhalta.

Trie ĉar, kvankam la foiro madridas, ĝi estas unika siafake en Hispanio, kaj multegaj vizitantoj venas de ekstere; do la pubika agado de HEF en la foiro havas ne nur lokan efikon.

Tamene, necesas ŝanĝoj. Mi same sentis malĝojan rimarkon kiu vekas memkritikojn:

Ĉi-jare ni ĉiuj estis pli lacaj ol kutime. Ĉi-jare ŝajne ni havis nenion ajn novan por montri. Ja la vortaro 2002, sed mi ne celas tiojn. Eĉ se ni povus jam montri la Grandan Vortaron, tio ne multon ŝanĝus. Mi celas ion novan en la maniero prezenti nin kaj montri nian lingvon al la homoj. Kompare al aliaj "konkurantoj", ni krom detaloj stagnas en sama loko kiel ĉe nia debuto en 1999. Ja informiloj pli kaj pli bonas, kaj volontuloj pli kaj pli spertas... sed tio ne sufiĉas.

Sume, laŭ mi estas nepre daŭrigi nian ĉeeston, sed ni venis al momento elpensi novan manieron montri nin. El vizito al aliaj budoj de la foiro kaj konverso kun aliaj E-aktivuloj, jam ŝprucis kelkaj ideoj.

*Marcos Cruz*

---

Fotis por ni en Expolingua:

Manuel Pancorbo

David Trigo

---

## Datreveno

En 2003 okazas ne nur la centjariĝo de la fondo de "Grupo Esperanto Valencia", sed ankaŭ estas la centjariĝo de la fondo de Hispana Societo por Propagando de Esperanto (HSppE), tio estas la naciskala ekvivalento de HEF. Bona dato por celebri ambaŭ datrevenoj!

Tio donas pli grandan gravecon al la Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en Valencio.

*Augusto Casquero*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Danke al la iniciatemo de Pablo A. Foche ĵus fondiĝis la Jaena Esperanto-Klubo. En ĉi tiu nova asocio aliĝis ĝis nun sep personoj de la provinco Jaeno kiuj lernis, lernas aŭ deziras lerni la internacian lingvon. Unu el la ĉefaj agadoj de la nova klubo estas renkontigi ĉiujn esperantistojn de ĉi tiu andaluza provinco kaj, kompreneble, diskonigi la internacian lingvon en Jaeno, pro tio oni jam pripensis organizi elementan kurson de esperanto en la Popola Universitato de la urbo Jaeno. Oni povas viziti la virtualan sidejon de Jaena Esperanto-Klubo en interreto ĉe http://perso.wanadoo.es/pablofoche

* La pasintan someron aperis la 6a numero de Jura Tribuno Internacia, oficiala organo de Esperanta Jura Asocio, eldonita kunlabore kun Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. En la kvindeko da paĝoj de la revuo aperis informoj pri la referendumo en Svislando por aliĝi al Unuiĝintaj Nacioj; pri la konverscioj inter Eŭropa Unio kaj Rusio por trovi solvon al la problemo de la Kaliningrada enklavo kaj pri la juĝo kontraŭ ĵurnalistoj en Ruando akuzitaj pri genocido. Aperas ankaŭ artikolo de Rafaela Urue±a pri la temo "Ĉu Eŭropo bezonas konstitucion?"; de Mauricio Signorini sub la temo "La rajto je ŝtataneco laŭ la brazila konstitucio" kaj ankaŭ artikolo de Jose Maria Rodriguez sub la temo "Ateno kontraŭ Sokrato". En la revuo aperas ankaŭ recenzo de Kep Enderby pri la libro "Monda Federacio?" Ampleksa Analizo de Federacia Mondregistaro" kies aŭtoro estas Ronald Glossop. Kaj fine ankaŭ aperigas en ĉi tiu nova numero de Jura Tribuno Internacia la esperanto-traduko de la Konvencio pri la Malpermeso de la Uzo, Stokigo, Produktado kaj Transferado de Kontraŭpersonaj Minoj kaj pri Ĝia Detruo.

* La pasintan 1an de novembro forpasis en Kordovo Jose Arnal Navarro. Pepe Arnal estis profesoro pri Beletro en la Pedagogia Fakultato de la Universitato de Kordovo kaj amiko de la internacia lingvo de antaŭ multaj jaroj. Li ĉeestis kurson de Esperanto organizita en la jaro 1984 kaj li iomete kunlaboris en la orga-

nizado de la tiujara tendaro de la Hispana Esperantista Junulara Societo, okazinta tiu jaro en Kordovo. Li dezajnis afiŝon por tiu junulara renkontiĝo, kvankam la dezajnon finfine oni ne eldonis malgraŭ la oficialaj promesoj. Pepe Arnal estis tre konata en la kulturaj agadoj en Kordovo, li estis aktiva membro de teatra ĥoro kaj organizanto de kursoj pri pentrarto en kulturaj asocioj.Li aliĝis tuj al la Kordova Esperanto-Asocio post ĝia fondiĝo kaj tre amuzaj estis la dialogoj kun aliaj lernantoj de la internacia lingvo pri la origino de la vortoj. Ankaŭ konata estis lia aŭtomobilo portanta grandan verdan stelon sub la devizo "Esperanto, bona ideo". Pace ripozu amiko Pepe Arnal.

José María Rodríguez



## Eŭskio / Vaskio

* la 7an de marto okazis Ĝenerala Ordinara Kunsido de la E-grupo de Bilbao. Inter aliaj aferoj, oni elektis novan estraron, nome:

Prezidanto: J. Miguel Garcia Iturrioz. Vicprezidanto: Patxi de la Hoz Mendez. Sekretario: Sabin Orueta Mendia. Kasisto: Eduardo Larrouy Lopez. Voĉdonantoj:Isaac Garcia Redondo, Injaki Velez Ortiz.

* La 10an de februaro komencis nova E-kurso ĉe la Vaska Universitato, gvidata de J. Miguel Garcia Iturrioz. Jam trijara, ĉifoje aliĝis 16 gestudentoj.

* Pri la EEU-kongreso de la jaro 2004, jam okazis la unuaj kontaktoj kun la brusela oficejo kaj la E-grupo de Bruselo, de kie jam alvenis kelkaj ofertoj por prelegi. Ankaŭ oni kontaktos la respondulojn de la Vaska Universitato rilate al la kongresejo.

Al la hispana kongreso de Valencio kaj al UK de Gotemburgo oni kunportos aliĝilojn kaj programan skizon.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

* La loka radiostacio de Munguía "Radio Economía" intervjuis dum duonhoro, pri esperanto, la vicsekretarion de HEF, Marcos Cruz.

*M. Zocato*

## Kanariaj Insuloj

Komenciĝis la 5a Seminario de Enkonduko al Esperanto kaj ĝia Kultu-

ro, en la kadro de la Universitato de La Laguna (Tenerifo). Kiel dum la pasintaj jaroj, la 30-horan kurson gvidas Profesoro Alejandro López de Vergar. Ĝi daŭros de la 25a de Februaro ĝis la 10a de Junio.

http://webpages.ull.es/users/esperull

ĉi HTTP-adreso apartenas al *Asociación Universitaria para el Fomento y Desarrollo del Esperanto "Juan Régulo Pérez"*, de Universitato de La Laguna. La servilo "ull" apartenas al la Universitato.

*Darío Rodríguez*



Foto aperinta en la regiona ĵurnalo Alerta (en formato 4-oble pli granda.

## Kantabrio

* Komenciĝis kurso en la sidejo de KEA, kies aspekto estas iom renovigita danke al la kunlaboro de pluraj el ĝiaj membroj. La regionaj ĵurnaloj anoncis la kurson.

* La biblioteko de la Asocio ricevis gravan donacon de binditaj revukolektoj.

* Aperis duonpaĝa artikolo pri esperanto en la ĵurnalo *Alerta*. Fakte ĝi estas intervjuo al la Prezidato de KEA, Miguel Gutiérrez, kun granda foto (vidu apude).

*M. Zocato*

## Kastilio-Leono

En la ĵurnalo *El Norte de Castilla* (02-14) aperis, okaze de la Tago de la Geamantoj, tutpaĝan raporton kun la frazo *Te quiero* en pluraj nekutimaj lingvoj (bulgara, queĉua, rusa, ĉina, kaj aliaj, inter ili Esperanto.

*Luis Hernández*

## Katalunio

* La 2aj Someraj Dialogoj okazos en la E-restadejo de Monistrol de Monserrat la 6an kaj 7an de septembro.

* En la Ĝenerala Kunsido de BEC, Giordano Moya estis nomumita Honora Membro de la asocio pro lia senlaca kaj fruktodona laboro. Dumvivan membrecon ricevis s-ro Juan José Crespo.

* Aperis la libro "Kalejdoskopa poemaro" de s-ano Ricard S. Güell.

* En la Barcelona Biblioteko *B. Vapor Vell* prelegis s-ano Martí Guerrero pri la temo "Eŭropa Unio kaj la lingva problemo".

*El ĜI de BEC*

* La februara babilado okazis en la nuna sidejo de BEC, *C. Casinet d'Hostafrans*. 20 partoprenantoj pritraktis diversajn gramatikajn aspektojn de Esperanto. La marta babilado okazis en *Casal Pere Quart* en Sabadell. La temo: Kio priokupigas, prizorgigas vin?

LSP

## Madrido

Entreprenisto Juan Abad de la firmao pri telekomunikado INALTEL proponis sian firmaan lernoĉambron por ke la dungitoj lernu Esperanton. HEF kaj MEL aranĝis tri monatan bazan kurson, kiu komenciĝis la pasintan 3an de februaro. La kurson ĉeestas 15 gelernantoj (8 inaltel-anoj plus 7 pliaj ne apartenantaj al tiu firmao).

Komenciĝis Kurso en la kvartalo El Pilar, gvidata de Juan del Castillo.

*El "Nia voĉo"*

## Tutlande

* La ĵurnalo "El Periódico" peris al HEF demandon de unu el siaj leganto, kiu deziris scii kiel statas Esperanto nuntempe. La respondo, kiu devis esti nur 60-vorta (interesa defio!), aperis la 4an de marto.

*Marcos Cruz*

* Jena ttt-paĝo informas pri la esperantlingva filmo "Incubus" en hispana lingvo: http://cine.hispavista.com/peliculas/incubus

*Ramón Maynou*

# Lingvo de paco







Okaze de la kontraŭmilitaj manifestacioj BEK (Barcelona E-Kontaktejo) ellaboris grandan tolafiŝon kun la motoj: «Esperanto una llengua per la pau / voĉo por la paco», kaj (dorse) «Una Llengua guapa i segura» + retadreso.

La okazo estis aparte oportuna por informi pri Esperanto, tial do, dum la manifestacio, disdoniĝis ĉ. 1.000 etaj informiloj.

*Karles Berga*

* Barcelona Instituto por Esperanto-Esplorado proponas sian propran ttt-paĝaron, en Esperanto kaj en la kataluna:

http://www.angelfire.com/falcon/ramonrius/bei.htm

*Pablo Foche en HeH*

* Grupo de esperantistoj kune manifestaciis en Madrido kun afiŝo kiu tekstis: "Neniam plu". Oni eĉ kantis la "konatan" frazon "Merdas la maro pro merda registaro".

*M. Zocato*

* La retpaĝo de Toño del Barrio renoviĝis kaj riĉiĝis per, ekzemple, biografioj de Julio Mangada, Emilio Herrera, ktp. Ĝia adreso:

www.telefonica.net/web/tdb

* Jam aperis pluraj recenzoj de la verko de Giordano Moya "Esperantismo". La lasta sur la paĝoj de La Ondo de Esperanto, farita de Kalle Kniivile.

## GXANGALO

Kiel ni jam informis en Boletín 359, aperis en Interreto bonega portalo en Esperanto, "gxangalo", kiu ofertas ĉiutage freŝajn novaĵojn pri monda politiko kaj pri nia lingvo. Ankaŭ oni povas ludi rete kun ĝia aŭtomato. Nun ni insistas denove ĉar ĝi nepre vizitindas:

http://www.gxangalo.com

*MZD*




## Juna amiko

La rubriko en la revuo *Juna Amiko* por etuloj La Unua Etaĝo (LUE) havas novan prizorganton, Monika Molnar. Daŭros la serio de interesaj faktoj pri bestoj. Reviviĝos roluloj de la lernilo Okulo. Tra la jaro aperos seria aventuro de detektivo Mira; la legantoj povos helpi al ŝi solvi teruran misteron.

Komence de la revuo aperos facile alireblaj artikoloj por ĉiuj aĝ-grupoj; pli specialigita materialo aperos fine. Teknikaj ŝanĝoj: vort-klarigoj aperos en alfabeta listigo; ne plu estos numeroj, nek apostrofoj por indiki vort-dividojn, la lingvaĵo aspektos kiel tiu en "normalaj" gazetoj. Redaktoro, Geza Kurucz: "La revuo konservos sian ĝeneralan trajton, celi komencantojn, kontentigi diversajn interesojn kaj eduki al amikeco kaj solidareco tutmondaj. Daŭros la argumentado por Esperanto per Verda paĝo, sed dialogforme. La kvizo estos reformita por altiri kvizoklubojn kaj unuopulojn. Ni revenigos la paĝon "Interkulturo".

UEA peras abonojn. Ekzistas du tarifoj laŭ pagipovo: 12 kaj 6 euroj, kun grandaj rabatoj por kvantaj mendoj.




Iber-Caja:

2085-0101-13-01286247-62

La Caixa:

2100-2149-31-0100165085

La Administranto: A. Marco Botella

1) Kunveninte la Patronaro de tiu ĉi Fondaĵo, la 23an de januaro de la nuna jaro, ĉiu patrono informis pri sia aktivado dum la tuta jaro. Tiurilate, oni decidis donaci al la hispanaj E-Grupoj kiuj organizis E-kursojn en Universitatoj kaj tion atestos, aron da libroj anoncitaj en la n-ro 355 de nia Boletín.

2) Kun bedaŭro oni informis en la citita kunveno pri la negativa rezulto de niaj investoj en la jaro 2002, tial ni ne disponos de la sufiĉa mono por subvencii la aktivadon de la Grupoj kiel en antaŭaj jaroj, sed denove ni premios la E-kursojn en Universitatoj per aro da libroj.

3) Tamen, ne ĉio estas negativa, kaj ni anoncas ke pluraj esperantistaj bonfaruloj helpis nian Fondaĵon per la sufiĉa mono por aĉeti pli ol dudekon da ekzempleroj de "Gran Diccionario Español-Esperanto", baldaŭ aperonta, kiujn ni donacos al publikaj bibliotekoj. Ni instigas al la hispanaj esperantistoj imiti tiujn bonfarulojn, kaj ni aspiras (se ni ricevas sufiĉan helpon) sendi almenaŭ unu ekzempleron al la publika biblioteko de ĉiu hispana provinco. Ni jam antaŭdankas vin!

Faru viajn mondonacojn pere de la kontoj:

# Kontraŭmilita Deklaro

Deklaro de Korea Esperanto-Asocio rilate al la milito fare de Usono.

Okaze de la atako de Usono al Irako, ni, pacamantaj koreaj esperantistoj nome de KEA deklaras, ke la atako estas nek ĝusta nek pravigebla pro tio, ke la atako ne estis agnoskigita laŭ la Ĉarto de UN-oj.

Tra 116 jaroj, ni esperantistoj persiste sekvis la vojon, kiu kondukas nin al mondo-paco.

Surbaze de la idealo de D-ro Zamenhof kaj la interna ideo de Esperanto, Korea Esperanto-Asocio forte postulas ĉesi la atakon fare de Usono, kaj esperas ke la mondo estu regata de paco kaj egaleco.

Korea Esperanto-Asocio

Raportis: *Lee Jung-kee*





Partoprenantoj en la pasinta IES

## En oktobro...

La 11a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazos de la 4a ĝis la 11a de Oktobro 2003, en urbo Santa Susanna, en la tristela hotelo Mercury, ĉe Mediteraneo. Barcelono.

La aliĝo ĝis la 31a de julio prezas 21 eŭrojn, kaj, post tiu dato, 24 eŭrojn.

**Loĝado**

En dulita ĉambro 30 eŭrojn por persono kaj tago. En unulita ĉambro 36 eŭroj. Ĉi prezoj inkludas kompletan pensionon. La Hotelo situas 20 metrojn for de la fervoja stacio.




Por pliaj informoj skribu al: S-ro Santiago Torne. Apartat 423, ES-08200 Sabadell. Rete: luis_serrano@mixmail.com
Tel: Luis Serrano 937275021. S-ro Santiago Torne Tel: 937253421. Faksilo 93731411 (ne dum aŭgusto).




* En aŭgusto 2001, Kultura Kooperativo de Esperantistoj starigis kampanjon nomatan “Esperanto en la biblioteko”, kiu celas provizi per E-aj libroj la brazilajn aŭ alilandajn bibliotekojn. Ĝis nun estis senditaj pakaĵoj kun E-aj libroj al 14 brazilaj bibliotekoj kaj unu pakaĵo entenanta 40 E-ajn librojn al la naskiĝanta E-movado de Paragvajo. Nun ni ĵus ekspedis pakaĵon kun dek E-aj libroj (bildvortaro, legolibroj, primovadaj kaj literaturaj verkoj) al Konga Esperanto-Rondo, en Kinshasa, Rep. Dem. Kongo.

*NUN*

* Laŭ komparaj statistikoj ĉe Pola Radio, jam de pluraj jaroj Esperanto-redakcio ricevas la plej multajn leterojn, retmesaĝojn, ktp. La nombroj de mesaĝoj en la lasta jaro estas:

| | |
|---|---|
| loko / redakcio | 2002 |
| 1-a Esperanto-red. | 2 599 |
| 2-a Germana red. | 509 |
| 3-a Angla red. | 455 |

La komparaj statistikaĵoj de la lastaj 4 jaroj estas ankoraŭ pli impona ol nur la statistikaĵo de la E-redakcio, ĉar oni klare povas vidi ke la germana kaj angla redakcioj havis malkreskon.

*L. Patek / ret-info*

* TEJO favore akceptis la inviton de Rusia Esperanto Junulara Movado, REJM, okazigi la 60an Internacian Junularan Kongreson, IJK-2004, en Rusio.

*ret-info*

* La Informa Kanalo “Abonu.com”, malfermita la 26an de julio 2002 havas jam pli ol 500 abonanton. La Kanalo akiris la 30an retan gazeton, kiu aperas pere de ĝi. Inter tiuj: Gazetaraj komunikoj de UEA, TEJO-aktuale, Tefloro, El Popola Ĉinio, Plej bonaj anekdotoj, retlistoj pri vegetarismo, literaturo, novaĵoj de Pola Radio, lingvaj kursoj, k.t.p.

*A. Grigorjevskij*

* La Asocio de Profesiaj Kongres-Organizantoj (AIMP) asignis la prestiĝan premion Marco Ferronato 2002 al Gian Carlo Fighiera pro lia kontribuo al la evoluado de la porkongresaj sciencoj kaj teknikoj. Li aperigis ses librojn kaj 15 monografiojn- en la itala, franca kaj esperanto pri la kongresaj merkato, produkto, manaĝerado kaj organizado.

*El Nia voĉo*

* La bulteno "Kristana Espero" aperas, ekde la 1an de januaro 2003 nur dufoje jare, do en januaro kaj julio. "KE" estas kompilaĵo de mallongaj tekstoj el la Biblio por ĉiu tago de la jaro. La abono estas senpaga. Interesuloj petu provnumeron de la redaktoro ĉe: <espero@milwpc.com>. Simila enhavo aperas ankaŭ elektronike sur la retpaĝo 365 Tagoj el la Biblio ĉe: www.geocities.com/jeraldveit/esperanto.html

*NUN*



* La Urba Teatro de Oulu en Norda Finnlando surscenigis la furoran romanon "Popularа muziko el Vittula" de la sveda aŭtoro Mikael Niemi pri la vivo de du junuloj en nordsveda kampara vilaĝo en la 60aj kaj 70aj jaroj. La romano vendiĝis en Svedio en 750 mil ekz. kaj ĝi estas tradukita al multaj lingvoj. Ankaŭ Esperanto estas parolata en ĝi: vizitanta afrika pastro predikas Esperante kun unu el la ĉefroluloj kiel interpretisto. S-ro Allan Mehtonen, delegito de UEA en Oulu, "reĝisoris" la aktorojn pri la Esperanta elparolo. La premiero okazis la 21an de februaro.

*Osmo Buller*

* CONGO (Konferenco de Neregistaraj Organizaĵoj), la unuiĝo de la organizaĵoj en oficialaj rilatoj kun Unuiĝintaj Nacioj, 9-13an de decembro 2002, kunvenigis siajn membrojn por la azia kunsido, Azia Civil-Socia Forumo (ACSF) en UN-domo en Bangkok, Tajlando. En la forumo partoprenis vicprezidanto de UEA Prof. Lee Chong-Yeong. Laŭ la speciala peto de Prof. Lee la 11-an de decembro al la programo de ACSF estis aldonita aparta ronda tablo pri "Lingvo kaj Homaj Rajtoj". Ĉirkaŭ 40 reprezentantoj de diversaj neregistaraj organizaĵoj partoprenis la kunsidon, kiu okazis konkurence kun 4 aliaj kunsidoj. Prof. Lee prelegis dum 30 minutoj pri "Lingvo kaj Internaciaj Homaj Rajtoj", poste dum ĉirkaŭ 1 horo okazis diskuto. Rezulte la grupo akceptis kaj transdonis al la organizantoj rekomendojn favorajn por Esperanto. La rekomendoj estos inklu-

**Praktika gvidilo por la moderna scienco:**

Tio, kio miksiĝas, rilatas al Biologio.
Tio, kio fetoras, rilatas al Kemio.
Tio, kio ne fukcias, rilatas al Fiziko.
Tio, kion neniu komprenas, rilatas al Matematiko.
Tio, kio sensencas, rilatas al Psikologio.






zikvitaj en la plena raporto de ACSF 2002. La konkluda parto de la rekomendoj diras:

“... Ronda tablo III, ”Lingvo kaj Homaj Rajtoj ... rekomendas, ke:

1. UN, speciale ECOSOC (Ekonomia kaj Socia Komisiono), enmetu la tagorderon “Lingvo kaj Homaj Rajtoj” en tagordon de unu el ĝiaj venontaj asembleoj, por diskuti la mondan lingvan politikon, lingvajn aspektojn de homaj rajtoj, kaj la administran neefikecon kaŭzitan de lingva malsameco, kun la celo konsideri novan internacian lingvan ordon,

2. Komisiono de UN por Homaj Rajtoj establu laborgrupon por studi la problemojn de lingvaj homaj rajtoj kaj la malobservado de homaj rajtoj pro lingva malegaleco kaj maljusteco, kaj Internaciaj neregistaraj organizaĵoj subtenu la agadon de la Koalicio por Internacia Helplingvo de Neregistaraj Organizaĵoj, kaj konsideru eksperimente en ilia ĉiutaga komunikado kun iliaj internaciaj membroj uzon de etne neŭtrala internacia helplingvo, kiel Esperanto."

# Zamenhof la tria!

En sia fako pri kulturo, “Cultura”, 39a paĝo, sub la rubriko “*Felipe González, De Gaulle y Semprún, favoritos de los internautas*”, la ĵurnalo *El País* de la 5a de marto informas ke, paralele al telefona enketo okazinta en ses eŭropaj landoj pri la plej elstaraj eŭropanoj, ankaŭ okazis aliaj enketoj de “El Pas”, “Le Monde” kaj “Arte”, ĉi lasta franca-germana televid-ĉeno persatelite videbla en la ceteraj eŭropaj landoj.

Jen granda surprizo: en la enketo de “Arte”, la kvin unuaj europaj eminentuloj elektitaj estis:

1: Jorge Semprún (hispana verkisto kaj eks-ministro)

2: Jacques Delors (franca politikisto)

3: Louis Zamenhof (creador del esperanto)

4: Daniel Cohn-Bendit (germana-franca politikisto)

5: Joschka Fischer (germana politikisto)

*Darío Rodríguez*

## Radio

Ekde la 30a de marto validas la nova kadra programo de la E-Redakcio de Pola Radio valida ĝis la 25a de oktobro. Pola Radio disponas pri aldona, kroma elsendo satelita, kiu aŭdiĝos je la 10.00 horo laŭ la UT, respektive je la 12.00 horo laŭ la mezeŭropa tempo.

Atentu, ke laŭ la somera tempo la programoj aŭdiĝos je unu horo pli frue, t.e je la 08.30, 10.00, 15.00, 18.00, 19.00 laŭ la Universala Tempo. Por aŭskulti nin per la mezeŭropa tempo necesas aldoni du horojn, ekzemple: 10.00 + 2 h = 12.00

Satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F -6- Hot Bird - 13 gradoj de la orienta latitudo; frekfenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz.

Por perrete aŭskulti la radioelsendon oni devas havi RealPlayer instalitan ĉe la komputilo. Reta materialo atingeblas ĉe:

http://www.wrn.org,

aŭ rekte ĉe:

ftp://usa.wrn.org/pol12.ra

http://www.wrn.org/audio/pol1_usa.ram.

Ĉiu programo restas ne pli ol 24 horojn tiuloke.

Hejmpaĝo de la redakcio troviĝas ĉe:

www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp

Pola Radio, E-Redakcio; Al Niepodleglosci 77/85, pk. 46, PL-00-977 Varsovio, Polio; Rete:

<esperanto.redakcio@radio.com.pl>




### Kiel pagi la vortaron

Pagu "rekte" en oficejo de BBVA, kontonunero: 0182-3834-30-0200964425, kiu aperas sub la nomo de Miguel Gutiérrez. Se vi pagas pere de alia banko, aldonu 3 pliajn eŭrojn.

Poste sendu kopion de via pago al jena adreso:

mga; Los Coteros 1 C, 2 Iz; 39600 Muriedas; Cantabria.

Aŭ telefonu al 676-27-50-60.

# Gran Diccionario

# Español-Esperanto

### Forpasis la limdato, sed...

## Finiĝis

Jes, la 15an de marto finiĝis la ebleco favorpreze antaŭmendi ekzemplerojn de “Gran Diccionario Español-Esperanto” de Fernándo de Diego, kiun oni prezentos al la publiko la 15an de julio 2003 en Valencio, okaze de la 62a Hispana Kongreso.

## Atentu!

Ĝis la 15a de junio, oni povas daŭre antaŭmendi la vortaron, kies kosto estas nun 40□□, se oni ricevos ĝin ene de komuna mendo, aŭ oni mem prenos ĝin en Valencio, okaze de la kongreso. La mendanto, kiu volos ricevi sian ekzempleron en sia hejmo, devos pagi 45□□.

## Gravege!

Post la 15a de junio la prezo de la vortaro ne estos 45□□, sed 55□□ plus sendokosto!

# Don Pedro Ramón y Cajal, esperantisto

Dum la pasinta jaro 2002, la ĵurnalaro atentigis al la amantoj de sciencoj kaj ĝenerale al ĉiuj civitanoj, pri la tiujara 150a datreveno de la naskiĝo de Santiago Ramón y Cajal, Nobelpremiito pri Fiziologio kaj Medicino en 1906. Sed en Aragono oni celebras ne nur la naskiĝon de Don Santiago, sed ankaŭ la elstarecon de la familio Cajal kiel ekzemplon pri studemo kaj scienco-oferemo. Ni, la aragonaj geesperantistoj profitas la okazon por omaĝi la figuron de unu el la plej eminentaj homoj de tiu familio: Don Pedro Ramón y Cajal, esperantisto kaj dumviva membro de la Aragona Esperanta Societo "Frateco" de Zaragozo.

Don Pedro naskiĝis en la aragona vilaĝo Larrés la 23an de oktobro de 1854, kaj ni diru tuj ke lia vivo pli ŝajnas fantazia novelo ol reala ekzistado. Lia patro, homo severa kun konvinkoj iom rigoraj edukis siajn gefilojn sub la premiso "ke la ignorado estas la plej granda el la malfeliĉoj", do, konscia pri tiu konvinko de lia patro, kiam la knabo Pedro ricevis du malsukcesajn notojn je la fino de liaj abiturientaj studoj en Huesca, tute ne kuraĝis sin prezenti antaŭ li. La knabo forlasis sian hejmon kaj piediris ĝis Bordozo (Francio), kie li enŝipiĝis en la velŝipon "Queen" cele al Argentinio. Tie li restis dum du jaroj kiel soldato, razisto kaj distribuanto de pano.

Ĉar li vivis tie tre mizere, li decidis forveturi al Urugvajo, kie denove pene laboris en plej diversaj metioj. Fine li fariĝis sekretario de kaciko, kolonelo de la urugvaja armeo, T. Aparicio, sed tiu ĉi militisto ribeliĝis kontraŭ la registaro, kaj la knabo Pedro kun itala servisto kiuj redaktis la propagandon kaj la porribelajn proklamojn (la kolonelo es-

**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

**Valencio**

**15a ĝis 20a de julio 2003**

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

tis analfabeto) tuj post la ribelofiasko rabis du ĉevalojn kaj forkuris, sed post ne longa tempo ambaŭ estis arestitaj kaj mortkondamnitaj. Feliĉe intervenis la itala konsulo, kiu ne nur savis la vivon de la itala servisto sed ankaŭ tiun de la hispano; la defendo-argumento estis pro troa juneco.

Dum tiuj sep jaroj loĝanta en Sudameriko, la familio de la juna Pedro Ramón y Cajal sciis nenion pri li, eĉ tute ne sciis ĉu li vivis aŭ jam mortis, sed apenaŭ reveninte en Hispanion li studadis kun renovigitaj fortoj kaj post nur tri jaroj li finis la karieron pri Medicino, kaj kun unu plia jaro doktoriĝis.

Li komenciĝis sian profesion kiel kuracisto en malgrandaj aragonaj urboj unue, kaj poste kiel direktoro pri anatomiaj laboroj en la Universitato de Zaragozo. En 1894, li gajnis la katedron pri Histologio ĉe la Fakultato de Cadiz. De tiu momento, li en Andaluzio kaj lia frato Santiago en la Universitato de Barcelono, ambaŭ esploradis paralele pri samaj materioj: unu konfirmas al la alia aŭ ne, tion kion la alia malkovras, ekzemple, la malkovro plej grava pri “la dinamika polarizo de la neŭrono” estis malkovrita unue de Don Pedro, ja li esploris en birdoj kaj malgrandaj vertebruloj kaj Don Santiago en grandaj vertebruloj kaj la homo, ambaŭ per samaj sistemoj, aŭda, optika ktp. Pro ĉi tiuj sciencesploroj Don Pedro ricevis la premion “Martínez Molina”. Tio tute simple signifas, ke li estis en la avangardo de la sciencesplorado de nia lando, sed eble ne atingis tiel altan nivelon kiel sia frato Don Santiago, kaj bonan pruvon pri tio atestas, inter aliaj, la 24aj esplorlaboroj prezentitaj kunlabore kun lia frato kaj la fakto ke multaj el liaj esploroj estis tradukitaj kaj komentitaj de la grandaj figuroj de la eŭropa Histologio, Kolliker, Valdeyer kaj His.



Pedro Ramón y Cajal

Don Pedro Ramón y Cajal ankaŭ profunde studadis pri certaj patologioj ĝis tiam ne bone studataj, ekzemple pri “mediteraneaj febroj”, li estis la malkovranto de la tiel nomitaj “febroj de Malta”, kion li disvastigis per sia libro “Febroj de Malto en Aragono”.

Li forlasis sian katedron pri Histologio ĉe la Fakultato de Cadiz en 1897, por okupi tiun pri Ginekologio en la Universitato de Zaragozo, poste starigis propran primedicinan konsultejon kaj privatan klinikon. Pri lia pluraspekta agado kiel kuracisto-ĥirurgo ni diru ke li estis eksterordinara: li albordis ĉiujn problemojn kiel internisto kaj la plej diversajn procesojn kiel ĥirurgo, krome li estis sperta radiologo, intervenis en akuŝoj, elradikigis malignajn tumorojn, praktikis la psikologion ktp. Vere Don Pedro estis nelacebla studemulo...

Don Pedro Ramón y Cajal ankaŭ estis homo modesta kaj malavara, li ricevis multajn honorojn de prestiĝaj institucioj landaj kaj eksterlandaj sen pretendi aŭ deziri ilin, verŝajne por li sufiĉis la honorojn ricevitajn de sia frato Santiago, kiun li tre alte estimis, kvankam lia frato tre ofte proklamis la aŭtentajn meritojn de sia frato kaj ne nur kiel kunlaboranto sed kiel individua sciencesploristo.

Homo tre bonkora kaj diskreta, post lia forpaso oni firme konfirmis, ke Don Pedro ofte vizitis senpage multajn malriĉajn malsanulojn, kiujn aldone helpis ekonomie.

Tiu eminenta homo forpasis en Zaragozo en la jaro 1950. Akompanis lin ĝis la tombejo de Torrero multnombraj zaragozanoj, inter ili la prezidanto, vicprezidanto kaj sekretario de "Frateco" s-roj Orós, Marqueta kaj Martínez, kaj reprezentante la esperantistajn gejunulojn la kursgvidantoj José Guio, Antonio Marco kaj Salvador Morales.

La geesperantistoj de la Aragona Esperanta Societo "Frateco" de Zaragozo tute ne forgesas tiun eminentan homon, ekzemplo pri modesteco, talento kaj bonhomeco.

Antonio Marco Botella

## Paco

Poemo por la paco en Esperanto malfermas la mirindan libron preparitan de Josep Pla kaj eldonitan de la Kolegio de Arkitektoj de Katalunio kun la helpo de la Magistrato de *Sant Cugat*.

4000 homoj el la tuta mondo, inter 6- kaj 98-jaraj, verse verŝis surpapen siajn ideojn pri la paco. Laŭ peto de la arkitekto Josep Pla. La enspezoj iros al la NRO "Arkitektoj sen landlimoj".

"Neniam la perforto sufoku la sonon de la paco. Al kiaj dioj oferas siajn kadavrojn la perfortuloj? Ni kunligu, do, niajn poemojn en libero". Jen frazoj el la ĵus aperinta libro.

*El la Kataluna Forumo*

# Bicikle (je Esperanto)

**Ĉu eblas montri Esperanton utila por neesperantista asocio? Ĉu indas peni realisme? Kian asocion? Eble jena mia ĝisnuna sperto tia iel utilu.**

Post biciklumado de frua infanaĝo ĝis 33-jariĝo, mi en 2002 fine decidis aniĝi biciklemulan asocion. Hontinda prokrasto, ĉu ne?... Mi memoras pri la granda nombro de Esperantistoj kiuj neniam aniĝas Esperanto-asocion.

Dum por plimulto da homoj biciklo estas nur jen kvazaŭinfana distrilo jen profesia sportilo, vere ĝi unue estas io alia: la plej efika veturilo kiun la homo kreis ĝis nun. Ĉu blufe? Sufiĉas provi kaj kompari. Manke de provemo, abundega literaturo kaj studaĵoj ekzistas pri la afero. Se ne paroli pri kuŝbicikloj, multe pli efikaj ol ordinaraj, kvankam ne tre konataj.

Min ne interesis asocioj de dimanĉaj kilometrovoraj biciklemuloj bunte vestitaj laŭ modo "Tour de France", sur kostegaj maŝinoj. Tio estas respektinda, sed tio ne estas mia afero. Tio ne estas la afero.

Male, delonge mi scietas pri movado celanta popularigi biciklon kiel urban veturilon por ĉiaj homoj, kaj krome kiel turisman vojaĝilon. En aliaj landoj tiuj movadoj estas tre fortaj. Ĉe ni, kiel pri aliaj aferoj, nur en Katalunio eblas trovi similan nivelon.

La plej proksima kaj forta grupo tia ĉe mi estas la madrida asocio Pedalibre (http://pedalibre.org).

Post printempa aniĝo kaj unuaj retaj kontaktoj, mi tuj engaĝiĝis helpi ilin verki la retpaĝaron de superasocio ConBici (http://www.conbici.org), kie Pedalibre anas.

Tre bele do... Se la aferoj restus tiaj, ne estus kialo por artikolo en Boletín. Kiel ĉio ĉi rilatas Esperanton?

Flanke sciinte pri mia Esperantisteco, eble pro ŝablona subskriba mencio pri ĝi en retmesaĝo mia, la prezidanto de Pedalibre, Juan Merallo, rimarkigis al mi, ke la statutoj de ConBici rekomendas utiligi Esperanton, kvankam praktike tiu rekomendo ne estas sekvata. Ŝokite mi kontrolis la statutojn kaj ekgapis...

Tiel, esktermovada agado subite iĝis apriore favora kaj rajtigita ŝanco utiligi Esperanton, inter homoj kiuj plej ofte tute ne konas ĝin, sed kiuj multon profitus el ĝi por ambaj siaj porasocia laborado kaj persona bicikloturismado, spicitaj de internaciaj kontaktoj.



Halto dum septembra ekskurso organizita de *Pedalibre* por koni la novan kaj probleman biciklovojon apud la ŝoseo M-607 de *Madrid* ĝis *Colmenar Viejo*

Ĝis nun, malgraŭ esploroj, mi ne sukcesis scii, kiu enkondukis la artikolon rekomendi Esperanton en la statutojn de ConBici. Ŝajne tion faris kataluna biciklopioniro kiu partoprenis la fondon de ConBici antaŭ dek jaroj, kaj kiu bedaŭrinde jam mortis. Sed mi ne havas fidindajn detalojn.

## Alispeca organizo

ConBici konsistas el 37 iberiaj asocioj, inter ili nur unu portugala. Ne eblas ani individue: anoj de ConBici estas asocioj. Asocioj anaj grandas nuntempe de 4 ĝis 100-multaj anoj.

Asembleo okazas duonjare. Ĉiuj penas, ke decidoj akceptitu ĉiesjese. Manke de konsento, detalaj reguloj diras, kiel fari por voĉdonado. Decidojn inter asembleoj prenas "sekretariaro" konsistanta el 5-10 homoj kiuj ne povas posteni pli ol tri sinsekvajn jarojn.

Krome, administradon zorgas "konstanta oficejo", kio tamen ne estas ejo. Ĉiun duan jaron, grupo de ConBici prenas la taskon kaj tiel iĝas "konstanta oficejo" por administrado kaj informado. La madridan grupon *Pedalibre*, kiu dum du jaroj draste modernigis la materialon kaj funkciadon de la "konstanta oficejo", stafete anstataŭos la kordova grupo *Plataforma Carril-Bici de Córdoba*, unu el la plej aktivaj kaj efikaj biciklantogrupoj de Hispanio, marte 2003e. La grupo rolanta kiel "konstanta oficejo" elektas homojn el sia aktivularo por zorgi pri la diversaj ConBici-taskoj: informado, kasado, bultenredaktado, k.a.

La bulteno de ConBici estas monata reta ena informilo sendata al ĉiuj ConBici-grupoj por tenadi kunordiĝon de la koncernaj responsuloj.

Aparte, ConBici eldonas tre belan publikan revuon *Sin Prisas*, tio estas, "Malhaste", bedaŭrinde nur 2-3-foje jare. Pro tradicio (tio estas, tradicie mankas aligrupaj volontuloj) la revuon de jaroj zorgas kaj administras la madrida grupo *Pedalibre*. Nur la kompostadon faras aligrupaj homoj en Ciudad Real. La revuon ricevas ĉiuj ConBici-grupoj. Iuj mendas nur kvin ekzemplerojn (la minimumon) kaj konservas ilin en sia ejo; aliaj mendas kvanton sufiĉan por plusendo al ĉiuj siaj anoj. Evidente, krome ĉiu grupo faras propran bulteneton nur por siaj anoj, paperan aŭ retan. *Sin*



Unu el la pasintaŭtunaj publikaj agadoj de *Pedalibre* kaj aliaj asocioj por propagandi la uzon de biciklo en *Madrid*. Paŭzo en Placo Castilla dum dimanĉa biciklado laŭ la ĉefstrato Castellana. Partoprenis du pliaj esperantistoj kaj HEJS-anoj, David kaj Mónica. Partoprenis ankaŭ la urbestro de *San Sebastián de los Reyes*, apoginto de la 59a Hispana E-Kongreso.

*Prisas* estas abonebla por individuoj, sendepende de aneco.

Fine, laŭbezonajn laborgrupojn funkciigas volontuloj el la diversaj ConBici-grupoj. Jen estas funkciantaj laborgrupoj pri eldonado, instruado, retpaĝaro, leĝaro... La laborgrupoj funkcias rete, kaj informas pri sia agado la sekretariaron kaj la asembleon.

Vigla kaj dinamika strukturo el kiu multo lerneblas.

## Unua kunlaboro

Traleginte malnovajn numerojn de *Sin Prisas*, mi trovis ke somere 1996-e, la revuo publikigis malgrandan pribiciklan vortareton de 22 terminoj en 5 lingvoj. Jen ŝanco. Mia propono fari novan version pli kompletan, kun malpli konataj lingvoj, inter kiuj Esperanto, estis varme tuj akceptita.

Do, jen ek al kontakto kaj kunlaborado kun Biciklista Esperantista Movado Internacia (http://purl.org/net/bemi/), kiu jam havis vortareton en la reto (http://purl.org/net/biciklo/). Korektado kaj kompletigo de la jama vortareto postulis la tutan oktobron, monaton da ĉiutaga frukta retkunlaborado kun pluraj biciklemaj esperantistoj. Nur 71 vortoj, foje tre fakaj, en 7 lingvoj, postulis grandan penon. Misoj, nuancoj, "falsaj amikoj, serĉado de teknikaj informoj...

La rezulto impresis la ĉefredaktistojn de la revuo. Ili unuafoje vidis Esperanton laboranta. La vortaron akompanos artikolo, kun iom seka ŝoka aluda enkonduko pri la lingva problemo, boneco kaj malfacilo lerni multajn lingvojn, kunlaboro kun BEMI... Fina natura mencio de Esperanto kiel laborlingvo por redaktado de la vortaro sufiĉu. Legantoj ŝokiĝu senplie kaj miru. La hispanlingva artikolo cetere legeblas en http://alinome.net/bici/sinprisas37.php.

## Dua

Antaŭ jaroj la madrida metroo decidis krei regularon por permesi biciklojn enmetroiĝi. Tiam la metroestroj petis de Pedalibre konsilon, kaj la bicikla asocio proponis la tiaman regularon de la barcelona metroo, kiun la madrida pigre kopiis. De tiam eblas porti biciklon en metroo semajnfine kaj festotage de 6a ĝis 16a. Baldaŭ poste, la barcelona metroo draste ŝanĝis sian regularon, kaj permesis biciklojn senlime krom dum difinitaj pinthoroj. Bedaŭrinde la madrida kompanio neniam sekvis la ekzemplon, malgraŭ petoj.

---

## Emas korespondi

Inĝeniero interesita pri Hispanio kaj filatelo serĉas korespond-amikon.
Jeray Michalski; Konopnickiej 25; PL-26660 Jedli`nsk; Pollando.

---

Krome kaj amuze, madrida metroo malpermesas biciklantojn uzi aŭtomatajn ŝtuparojn, kaj devigas ilin ŝultre porti la biciklojn sur ordinaraj ŝtuparoj, ege pli riske. Dume kaj saĝe kaj paradokse, en la trajnejoj jes eblas porti biciklojn sur aŭtomataj ŝtuparoj. Ĉar foje metroejoj apudas trajnejojn, reguloj malsamas - je iom da metroj.

Pedalibre decidis kampanji por plibonigo de kondiĉoj porti biciklojn en metroo. Unue las asocio ekigis subskribpetadon. Due preparatas publika frapa evento, trabicikladi 24 horojn la urbon...

Kaj jen dua ŝanco por Esperanto: mi proponis kompili informojn pri metro- kaj bus-regularoj pribiciklaj el alilandaj urboj, kaj per ili prezenti dosieron al la metro-estroj.

Rea kontakto al la BEMI-anoj. La informojn de ili senditajn mi akompanigas per hispana traduko kaj plusendas al la Pedalibre-aktivuloj: Parizo, San-Francisko... Venados pliaj, ankaŭ pere de la UEA-delegitaro. Miaj kunuloj en Pedalibre respekte ekmiras, kiel facile per tiu nekonata lingvo, pri kiu ili neniom sciis ĝis nun.

## Tria...

Multaj biciklemuloj biciklas ankaŭ turisme, foje alilande. Ili prenas kaj plenigas siajn biciklosakojn kaj ekpedalas. Iuj eĉ tutmonden. Plimultaj tiaj vojaĝantoj ne postulas tre komfortajn loĝkondiĉojn: gastejoj, dormosakoj, propra ten-

do... Kontakto kun homoj kaj naturo preferatas ol konvencia komforto...

Jen klara refoja ŝanco por Esperanto: Artikolo pri Pasporta Servo, unu el niaj plej prifierindaj atingoj. Multaj PS-gastigantoj biciklemulas. Ties anoncojn mi montros kiel ekzemplojn en la artikolo, kun traduko. Fotoj, kaj detala priskribo de la sistemo.

Post shoko renkonti en numero de *Sin Prisas* utilan vortaron kun nekonata lingvo Esperanto, legantoj vidu en posta numero de la revuo, ke tamen la afero ne estas simpla kuriozajho sed io utila por ili.

## Esperantujeska kongreso

Gijón. Escepta sunplena semajnfino inaŭguras ĉe-mare novembron 2002an. Urbo trairita de ĉiaspecaj bicikloj kaj biciklantoj. Ne pro la *4a Iberia Kongreso pri Biciklo kaj Urbo* kiu venigis nin, sed simple ĉar estas tiel... Miaj nekredantaj okuloj ĉasas biciklantojn sur la strato. Mia vojaĝkunulo Juan mokas: "Vi lastatempe maltro vojaĝis, ĉu ne? Se vi nur estus en Barcelono!" Prave. Barcelono, de mia lasta vizito en 1991, draste ŝanĝiĝis en bicikloabundan kaj pedalaman urbon. Sed eĉ Gijón shokas reve al madridpurgatoria penbiciklanto. Pedalade la avenuon Shultz, antaŭnelonge kaj definitive fermitan por privataj aŭtoj, mi du-rade ridetas akompane de malmultaj fojaj busoj kaj taksioj. Bruo apenŭas, fumo foras, piedirantoj libere transiras.



Paneo dum somera ekskurso organizita de *Pedalibre*, inter *Cercedilla* kaj *Segovia*. Partoprenis du du-radaj esperantistoj, Manolo Parra kaj Marcos Cruz

Grandaj brilaj trafikafiŝoj avertas ĉiuangule: "Nur publikaj transportiloj — kaj bicikloj".

La renovigita junulargastejo de Gijón plaĉas. 18-jarcenta palaceto kun apuda moderna aldonaĵo, komfortaj instalaĵoj, persunaj akvovarmigiloj, ĝardeno. Kvar kilometrojn for de la urbocentro, trank-

## 5 milionoj da vizitoj

La retejo de Sveda Esperanto-Federacio — www.esperanto.se — registris sian vizitanton numero 5.000.000 en la nokto inter la 18a kaj la 19a de marto 2003. Dum la lastaj jaroj iom pli ol miliono da vizitantoj retumis en ĝiaj paĝoj ĉiujare. En la jaro 2002 la ekzakta cifero estis 1.096.696.

*Franko Luin*

vila promeneto por ni urbeganoj. La kongresejo, kulturejo Jovellanos, iam gimnazio de kiu eblis rigardi la maron, je nomo de la asturia 18-jarcenta eminentulo; bonaj aŭloj, bela loko.

Tipe Esperantuja etoso, sen Esperanto. Tamen...

## Lingvaj problemoj

Ŝoke kaj malĝojige por Esperantisto, partopreni asembleon en kiu ĉeestantoj ne povas interkompreniĝi pro manko de komuna lingvo. Ĉeestis katalunlingvuloj kaj eŭsklingvuloj, sed ĉiuj konis la kastilian. Tamen la tri junuloj reprezentantaj *Portugalan Federacion de Bicikloturistoj kaj Biciklantoj* partoprenis nur fizike. Je la komenco mi, kiel sekretario de la asembleo, demandis de ili, ĉu ili komprenas la hispanan. Unu diris, portugale-geste, ke li povas sufiĉe kompreni, se oni nur parolas malrapide. Diveneble, neniu parolis malrapide dum la asembleo, kaj ili plej ofte enuis, kaj foje forlasis la ĉambron por momento. Estis malĝojiga situacio por mi, sed neevitebla.

Dum la debatado pri la nova retpaĝaro de ConBici, mi reprenis la Esperantan torĉon, sen eĉ mencii Esperanton: Sufiĉis turni min al la portugalaj samideanoj (bicikle samideanaj, ĉi-kaze) kaj rekte proponi, per malrapida hispana lingvo, kunlaboron por traduki la retpaĝojn en la portugalan. Atute, ĉar neniu antaŭe pensis pri tio. En la protokolo restis de ĉiuj aprobita la decido entrepreni la tradukon en la portugalan, kaj laŭeble en aliajn ajnajn lingvojn, se nur estos kunlaborantoj... Jen plia semeto.

Fine de la asembleo, vico venis por la portugalo Jorge Sintra sciigi la preparojn de la venonta Iberia Kongreso, okazonta en Lisbono 2004e. Kaj vico venis por la ceteraj senti nun la rolojn ŝanĝitaj: Jorge alparolis portugale, kun helpaj dankindaj hispanigoj prononcaj kaj vortuma-

daj. Ĉiuj gapis penante kompreni. Reprezentanto de unu el la katalunaj grupoj sugestis al li disponigi interpretadon dum la Lisbona kongreso. Saĝe. Saĝe, sed mi anime ridis silente... Endas ekkontakti miajn portugalajn samideanojn (ĉi-foje lingvajn).

## Pluoj

En la buso madriden, la decidoj kaj protokoloj estis komforte enkomputiligitaj (mirinda malnova poŝkomputileto Psion 5mx). La prezidanto de Pedalibre subite demandas: "Cetere, ĉu vi opinias, ke Esperanto vere havas futuron?". Sufiĉas ridete redemandi: "Ĉu biciklo kiel urba veturilo havas futuron?". Li komprenas, kaj ne demandas plu.

Dimanĉe, dum la kongreso finiĝis en Gijón, mi unuafoje helpis kiel deĵoranto ĉe la stando de Pedalibre en la madrida foiro Biocultura. Interesa sperto, kompari al nia HEF-partopreno en Expolingua la publikan prezentadon de alia neprofesia asocio en simila medio. Lernige, kompari reagojn de publiko, same nescianta pri ambaj movadoj, tamen sen seriozaj antaŭjuĝoj nek misscioj pri la bicikla... Tio estas kerna diferenco. Pri tio ĉio tamen aliartikole.

## Instruoj

Mi lernas multon. Unue mi pliafoje relernas ion kion feliĉe mi neniam forgesis: kiom neutile estas peni konvinki pri la utileco de nia lingvo, dum por ĝi ne



Septembra ekskurso organizita de Pedalibre, inter la vilaĝeto Tablada kaj El Escorial

sentiĝas praktika bezono. Des pli neutile, eĉ malutile, se konvinkemuloj mem ne regas ĝin nek konas pri ĝiaj movado, historio kaj kulturo. Des pli malbone se spece per sektecaj agoj kaj aspektoj kiuj suspektigas prudentajn eksterulojn kaj malfaciligas montri, ke Esperanto estas nura vera lingvo. Krome ridinde, se la penado celas ne nur enkapigi la senmakulan idealecon de Esperanto sed konvinki la homojn nepre eklerni la lingvon.

Male, en medio kie sentiĝas bezono pri internacia komunikilo, estas plej utile simple kaj nature ekuzi Esperanton por solvi problemojn aŭ por per ĝi prisukcesi aliiel malfacilajn taskojn. Sen averto...

Sen averto, sen propagando, sen varbado, sen sekteco, sen trudo. La homoj mem demandos nature kaj senĝene, vidinte la efikon.

Efikon ni ofertas, ne belajn vortojn (ja belajn vortojn ankaŭe, sed Esperantajn).

*Marcos Cruz*

marcos@alinome.net

Antaŭ kelkaj tagoj mi vizitis en Bydgoszcz s-rinon Urszula Tupajka. Ŝi estas unu el la ĉefaj tradukistoj el la pola lingvo al Esperanto. Ŝi specialiĝis en tradukado ĉefe de poemoj.

Antaŭ du jaroj ŝi suferis gravan aŭtomobil-akcidenton, kaj nun, post multaj operacioj, ŝi ankoraŭ sidas sur rulseĝo, kun ne tro bona prognozo.

Ni multe babilis, kaj inter alie venis la temo de ŝiaj tradukoj kaj verkoj. Do, mi petis al ŝi iun el tiuj tradukoj por aperigo en Boletin. Ŝi havigis al mi kelkajn jam premiitajn. Inter ili mi elektis la verkon "Lokomotivo" de Julian Tuwin, tre populara pola poeto, ĉefe pro siaj porinfanaj poemoj.

Ĉefa problemo, kiun la Urszula devis alfronti ĉe la tradukado, estis redoni la ritmon de la originala poemo, kiu reproduktas la movojn, rapidecon, malrapidecon, de la trajno.

*Augusto Casquero*

# Beletre

## Lokomotivo

Staras en staci' lokomotivo,
Dike ĝin kovras dum ritma drivo-
Grasa salivo.
Staras, anhelas, fumon elblovas,
el ventro ĝia ard' sin forŝovas:
B U Ĥ, kiel varme!
UH, kiel Varme!
Puff, kiel varme!,
Uff, kiel varme!
Apenaŭ spiras, raŭke balbutas
kaj karbon en ĝin plu hejtist' ŝutas.

Vagonojn oni alkroĉis ŝtalajn.
En unu bovo kaj du ĉevaloj,
En dua sidas viroj dikegaj,
Ĉiuj kolbasojn manĝas grasegajn,
En tria estas freŝaj bananoj,
En kvara staras ses fortepianoj,
En kvina blanka urso belega.
En sesa estas pafil' grandega,
En sepa kverkaj tabloj kaj ŝrankoj,
En oka staras du elefantoj,
En naŭa porkoj kaj du ĝirafoj,
En deka kofroj, kestoj kaj pakoj,
Kaj da vagonoj kvardeko estas,
Di' scias kio en ili nestas.

Kaj eĉ se venus multaj atletoj,
Kaj ĉiuj manĝus multajn kotletojn,
Kaj ĉiuj penus el ĉiuj fortoj,
Tiun pezegon ili ne portos.

Foje — fajf'!
Kaj — spireg'!
Vapor' — buĥ!
Radoj — ek!
Unue
tre
lante
testude kaj pene
Ekiris
masino sur reloj
dormeme



Ektremis vagonoj en stranga parado,
Kaj turnas sin, turnas sin, rado post rado,
Kaj jam rapidiĝas, vagonoj ekskuas,
Frapetas la relojn kaj grincas kaj bruas.
Kaj kien? Kaj kien? Kaj kien? — dum hor'!
Sur reloj, sur reloj, sur reloj — al for'!
Tra ponto, tunelo, tra mondo en vent',
Rapide, rapide, por veni je temp',
kaj takte rad' bruas je reloj ho, ho,
Tak-to-to, tak-to-to, tak-to-to, tak-to-to!



Ĝi glate, gracie sin turnas al cel',
Similas infanan ludilon sur rel',
Ne pezan maŝinon kurantan sur radoj,
Sed etan, malgrandan trajneton el lado.
Kaj kial, kaj kien ĝin puŝas fervor'?
Kaj kio, kaj kio, ĝin pelas al for'?
Ke ĝi rapidegas, spiregas per fum',
Vaporo varmega movigas ĝin nun,
Vapor' el kaldrono per piŝtoj al tuboj,
Kaj l' piŝtoj la radojn movigas sen dubo,
Kaj puŝas kaj tiras l' vagonojn sur reloj,
Ke el la kameno forsaltas fajreroj,
La radoj frapetas, saltetas, ho, ho;
Tak-to-to, tak-to-to, tak-to-to, tak-to-to!

Poemo de Julian Tuwim, tradukita al Esperanto de Urszula Tupajka, kiu ricevis la 1an premion en la "Konkurso pri Esperantaj Tradukoj de Pola Poezio por Infanoj", Poznan 1999.09.26.

# Esperanto en nerekta informado



Leonardo Torres Quevedo

Jam samideano Antonio Marco informis en antaŭa Boletín (n-ro 358, p. 16), ke la fama hispana inĝeniero kaj inventisto Leonardo Torres Quevedo estis esperantisto, kaj ke antaŭ kelkaj semajnoj oni festis la 150an datrevenon de lia naskiĝo.

Okaze de tio, la Ŝtata Societo pri Kulturaj Kunmemoroj okazigis tiel nomatajn "*Jornadas Torresquevedianas*" ("Toreskevedaj tagoj"), en kunlaboro kun la Kolegio de Konstruaj Inĝenieroj kaj la Supera Konsilantaro por Sciencaj Esploroj. La evento konsistis el serio da prelegoj pri diversaj trajtoj de la personeco de Torres Quevedo, kaj pri ties inventoj, dum kvar tagoj.

La prelegaro disvolviĝis en la sidejo de la Kolegio, en Madrido, en ampleksa kaj taŭga salono, kun sufiĉe alta ĉeestantaro, pli ol kvindek homoj, dum ĉiuj tagoj, precipe inĝenieroj pri vojoj kaj studentoj.

En la tri unuaj tagoj pritraktiĝis lia rolo kiel sciencisto, pluraj aspektoj de lia inventado, ĉefe rilate al kibernetiko, al kablotramoj kaj al direkteblaj flugbalonoj, kaj aparte interesa estis prelego pri lia rilato al sciencisto Emilio Herrera, al kiu Boletín antaŭ nelonge dediĉis artikolojn. Kaj fine, en la lasta tago, 20a de marto, trovis lokon la prelego far nia samideano Toño del Barrio pri lia rilato al Esperanto. Li informis pri la kunteksto de lia agado, kaj specife prezentis la lingvan problemon en scienco kaj la solvon proponitan de Esperanto, kaj rakontis pri la kampanjoj entreprenitaj dum la 20aj jaroj favore al la internacia lingvo.

La prelego rezultis brila. Toño parolis iom haste pro la tre limigita tempo, sed dokte. La homoj aŭskultis tre scivoleme. Por ili estis tuta novaĵo, ĉar ĉi flanko de la inventisto estas preskaŭ ne konata.

Pluraj aliris poste la preleginton, por demandi kaj komenti. Vi povas imagi: "¡Qué curioso!", "¿Sigue existiendo eso?", "¿Pero tú sabes hablarlo?", "¡Mi abuelo hablaba esperanto!", "¿Tiene que ver con los masones?", "¡Qué pena que no haya triunfado!".

La organizinta instanco eldonos la prelegojn. Ni informos vin en tiu okazo.

Vi povas informiĝi pri la tuta programo en la ĝenerala retpaĝo de la Societo pri Kulturaj Kunmemoroj www.secc.es kaj konkrete en http://www.secc.es/expos02.cfm?id=75

*Manolo Parra*

# Dumkongresa loĝado



Nova oferto de tristela hotelo situanta 300 metrojn for de la Kongresejo. La prezoj, speciale por kongresanoj, ties amikoj kaj familianoj, estas jenaj:

En dulita ĉambro, kun matenmanĝo: 36 eŭrojn persono/nokto

En unulita ĉambro, Kun matenmanĝo: 51 eurojn persono/nokto.

Ĉiu ĉambro havas TV, minibaron, klimatizilon, kaj banĉambron ene de la ĉambro. Mendu lojon kiel eble frue.

*Augusto Casquero*

Denove en Valencio, jes, sed kun multaj novaĵoj.

Apud la ĉiam alloga oferto de la plaĝoj, la meditarenea urbo proponas nun multe pli da vizitindaj lokoj, precipe en rilato al la kulturo.

**Venu kaj ĝuu!**

**Estos surprizoj!**

Aliaj eblecoj:

1 Universitata hotelo (proksime de la kongresejo)

* lito en dulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . 105□□

* unulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 115□□

2 Junulara gastejo

Por homo malpli ol 26-jara:

* loko en kvarlita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn:. . . . . . . . . . . . . . . 65□□

Por homo pli ol 26-jara:

* loko en kvarlita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . 76□□

3 Tristela hostalo, klimatizita (urbocentre)

* lito en dulita cambro, SEN matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . 155□□

* unulita ĉambro, SEN matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 185□□

4 Complejo Educativo Cheste (22 km. De Valencia), NUR por grupoj

* lito en kvarlita etaĝa ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: . . . . . . . . . . . 50□□




## 62a Hispana Esperanto-Kongreso
## kaj 13a Internacia E-Kongreso

Valencio

15a ĝis 20a de julio 2003

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

ALIĜILO N-RO......
(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato (2) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . HEF-numero . . . . . . . . . . . . . .
Adreso. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . . . . . . . . . . .
Urbo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Telefono . . . . . . . . . . . . . .
Retadreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Faksilo . . . . . . . . . . . . . .

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 31-12-02 | ĝis 31-05-03 | poste |
|---|---|---|---|
| Membro de HEF (a MT) | 19 € | 22 € | 25€€ |
| Ne membro | 23 € | 26 € | 29€€ |
| Membro de grupo (pli ol 15 p.) | 15 € | 18 € | 21 € |
| Loĝejo | | ___ | ____ |
| Donaco | | | ____ |
| ENTUTE: | | | ____ |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 62a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31;
ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com




Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora